Esperanto servu la pacon!

A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№6(33) Julio 1976

D-ro Istvan Szerdahelyi

INSTRUADO DE ESPERANTO
(Daŭrigo. Komencon vd; en "A"-2(29))

4. La strategio de nia lerneja politiko estas ellaborenda sur du niveloj:
a) sur ŝtata nivelo - ĉar en ĉiu ŝtato la kondiĉoj estas malsamaj;
b) sur interŝtata nivelo - ĉar nur unueca, kunordigita agado povas esti sukcesa.
5. Se la ŝtata instanco konvinkiĝis pri la utileco de Esperanto (kp. 3.2) la tuj-posta demando: ĉu Esperanto disponas pri la necesaj antaŭkondiĉoj: a) personaj; b) objektaj.
Ĉe a) aperas la problemo de instruistaro, ĉe b) la problemo de instruhelpiloj; lernolibroj, metodologia literaturo, bazaj verkoj (gramatikoj, vortaroj), belliteraturo, eventuale: modernaj instruhelpiloj: magnetofonbendoj, diafilmoj, programoj k.s.
En la nuna artikoleto ni trarigardu la problemon de Esperanta instruistaro.
6.1. Ĉu ni havas sufiĉe da taŭgaj instruistoj? (La mezurilo de "taugeco" estas: esti fake almenaŭ tiomgrade kompetenta, kiel ekz. la instruisto de alia fremda lingvo, ekz. instruisto pri angla, germana aŭ rusa lingvo. Ni emfazu: fake - ne nur lingve!). Ŝajne ni esperantistoj estus en la plej malagrabla embaraso, se la ministerio de iu ŝtato deklarus en septembro: bone, ni konsentas: instruu Esperanton en ĉiuj lernejoj de la ŝtato! Ĉu iu esperantista landa organizaĵo havas precizan liston de Esperanto-instruistoj? (Ni distingu: Esperanto-instruisto estas pedagogo, fake kvlifikita por oficiale instrui la internacian lingvon en la ŝtata lerneja sistemo; esperantista-instruisto - estas ĉiu pedagogo (senkonsidere la fakon), kiu estas esperantisto. La ŝtata popolkleriga registaro (ĝenerale) permesas instrui en lernejo oficiale iun studobjekton nur al tiu pedagogo, kiu havas pri tiu fako la necesajn konojn kaj havas diplomon, kiu atestas tiujn konojn. Evidentiĝas, ke sen taĉmento de tiel preparitaj pedagogoj nia tuta lerneja politiko estas iluzia, senigita de kiu ajn reala bazo.

6.2. Ĝuste tial, kiam ni komencis en Hungario iniciati la oficialigon de Esperanto-instruado, ni devis unue atingi, ke la ministerio akceptu la diplomojn, kiujn liveras la Ekzamena Komisiono de HEA. La Ministerio tion faris per oficiala dekreto. Nun - kiam en la lando funkcias fako en universitato kaj en tri porinstruistaj institutoj, la situacio multe pliboniĝis: ĉiujare ni havas 30-50 ŝtate diplomitajn profesorojn respektive instruistojn, kiuj rajtas instrui la internacian lingvon sur ĉiuj niveloj. Pri nia agado ni atentigis la internaciajn esperantistajn organizaĵojn: nek UEA, nek la Akademio konsideris niajn spertojn - nur ILEI priatentis pri tio kio okazas ĉe ni kaj komunikis en IPR nian programon kaj sciigojn pri niaj spertoj.

6.3. Reveninte al la penso el 6.1. - la unua solvenda problemo de ĉiu landa organizaĵo esperantista estas tuj registri tiujn instruistojn, kiuj jam nun kapablas instrui aŭ, post konvena kurso, kapablos instrui Esperanton kaj jam enestas en iu lernejo kaj due: prizorgi pri ilia taŭga preparo kaj pri ilia diplomiĝo per ŝtate akceptebla diplomo.

6.3.1. La registrigo estas pure organiza-administra afero, ĝi devus esti la tasko de la Lerneja Komisiono de la landa organizaĵo aŭ de la landa ILEI-sekcio, aŭ, se tiu funkcias, de iu Instituto k.s. - la formo ĉi-kaze ne gravas.

6.3.2. Pri la materialo (kvante kaj kvalite): ĝi devas esti ekvivalenta amplekse kaj teme al la materialo de aliaj lingvoj. Ekzistas jam certaj modeloj, kiuj estas jam ŝtate akceptitaj kaj kiujn oni povas uzi: a) la bulgara modelo; b) la slovena modelo; c) la hungara-instruista modelo; d) la hungara-iniversitata modelo.

6.3.3. La bulgara modelo: la instruistoj dum la lernojaro lernas memstare lau fiksita programo; ĉiumonate kunvenas por konsultadoj; somere dum 3-semajna kurso (Burgas) sumigas la lernitaĵojn kaj faras la ekzamenon. En la ekzamena komisiono partoprenas la reprezentanto de la kleriga ministerio, kiu per ŝtata stampilo oficialigas la diplomon.

6.3.4. La slovena modelo: koresponda kurso en la Pedagogia Altlernejo. Tempodaŭro: 2 jaroj (4 semestroj). Kun konsultadoj kaj ekzamenoj kiel ce aliaj studobjektoj. (Informoj riceveblaj ĉe d-ro P.Zlatnar,Ljubljana).

6.3.5. La hungara-porinstruista modelo: tempodaŭro: 3 jaroj en tagaj kursoj, laŭ oficiale aprobita programo. Ĝi funkcias en tri institutoj: Esztergom, Szombathely kaj Sarospatak. La finintoj ricevas fak-instruistan diplomon pri Esperanto.

6.3.6. La hungara universitata modelo: studperiodo: 4 jaroj. La finintoj ricevas diplomon profesoran pri la instruado kaj scienca esplorado de la internacia lingvo sur ĉiuj niveloj. Funkcias nur en la Universitato Eötvos L., Budapesto.

6.4. Ni supozas, ke unu el la supraj modeloj estas aplikebla en kiu ajn lando, se la aferon gvidas kompetenta kaj fake konata kaj rekonita persono. La plej granda problemo estas, ke la landaj esperantistaj organizaĵoj ne estas egalrangaj diskutpartneroj de la kompetentaj ŝtataj instancoj. Sekve, unue oni devas trovi tiajn fakulojn, kiuj havas kompetentecon kaj sufican socian kaj fakan reputacion por esti serioze konsiderataj kaj traktad-kapablaj.

Resume:

Se la landaj organizaĵoj serioze pensas pri la oficialigo de Esperanto-instruado, ili devas unue prizorgi pri taŭga instruistaro. Tiun aktivecon gvidu kompetenta kaj aŭtoritata komisiono laŭ iu elektita modelo (plej konvena al la internaj ŝtataj cirkonstancoj). Peti informojn pri la elektita modelo kaj pri la ĝistiamaj spertoj, modifi ilin laŭ la postuloj de la lokaj instancoj kaj atingi, ke la ŝtato, se ne ĝi preparas la Esperantajn instruistojn, almenaŭ oficiale rekonu ilin per ŝtate agnoskita diplomo.

Estu la lernojaro 1975/76 la jaro de tiu antaŭpreparo!

(Estas daŭrigota;) "Heroldo de Esperanto", Nº16, 1975;

Sendis N.Starodubcev, estro de la Lerneja Fako.

## SUKCESO DEPENDAS DE NI

Kiel estas videbla el la supra artikolo de prof. I.Szerdahelyi por pli efika agado sur lerneja kampo tre gravas la bildo pri nia agado kaj pli ĝuste - ege estas necesa plena informo el ĉiuj lokoj de nia lando, kie oni aplikas Esperanton, kie oni lernas ĝin.

Jam dum kelkaj jaroj mi kiel gvidanto de la lerneja fako penas ricevi tian informon de la klub-gvidantoj kaj de aliaj aktivuloj pri instruado. Ĉiufoje mi dissendas ne malpli ol 100 enketojn, sed revenis apenaŭ 30. Kial? Ĉu la klubestroj opinias la reeĥon nedeviga por si? Ja de ni ĉiuj dependas en multa grado nia sukceso. Tial ni devas esti pli seriozaj kaj agemaj mem.

Hodiaŭ mi volus memorigi, ke mi urĝe bezonas informon pri agado en la lernejoj laŭ la subaj modeloj:

I. ENKETO N 5 (1975/76)

| NN | Nomo kaj adreso de la lernejo | Nomo de Esp.-instruist(in)o | E-rondo, kurso, klaso fakultat. | Kvanto da E-gelernant |
|---|---|---|---|---|
| | | | | |

II. ENKETO N 6 (1976)

En nia urbo (vilaĝo, regiono)..............................
estas sekvaj Esperanto-instruistoj:

| NN | Nomo kaj plena adreso de la instruist(in)o | Kion instruas profesie | Nomo (N) de lernejo |
|---|---|---|---|
| | | | |

Bonvolu sendi al mi similajn enketojn tuj post la ricevo de tiu ĉi informo, se vi ĝis nun tion ne faris.

Nikolaj Starodubcev,
estro de lerneja fako de SEJM,
340092 Doneck, ab.Ja. 618.

## ESPERANTO EN LERNEJOJ - KRONIKO DE 1975/76.

**Trijara eksperimento.** Entute 1000 gelernantoj el Bulgario, Hungario, Jugoslavio, Italio kaj Aŭstrio partoprenis trijaran eksperimenton internacian. La instruadon organizis Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) sub aŭspicio de UNESCO. (HdE-14-15/75)

**Bulgario.** La 15-16-an de novembro 1975 en Veliko Târnovo okazis Nacia renkontiĝo de mezlernejanoj-esperantistoj. Alvenis lernantoj el mezaj lernejoj de la tuta lando, ankaŭ studentoj kaj junpioniroj. (BE-12/1975)

**Pollando.** En Jelenia Gora 15 gestudentoj sukcese ekzameniĝis post dugrada Esperabto-kurso.

**Aŭstralio.** La nova universitato Murdoch en Perth starigos Esperanto-kurson en 1976. Lecionoj okazos vespere po du horoj semajne sub aŭspicio de la fako pri Homa Komunikado.

**Novzelando.** Ĉiusemajnaj Esperanto-kursoj okazas en 5 lernejoj por entute 280 lernantoj.

Italio. Ĉe la supera lernejo por sociaj asistantoj en Catania 22 studentoj lernas Esperanton.

Usono. Laŭ subteno de Ŝtata Eduk-Departmento en Marilando kaj de Universitato "John Hpkins" vicdelegito en Baltimoro Thomas H.Goodman sukcesis starigi 3-semajnan intensivan Esperanto-kurson por komencantoj, kiuj samtempe estas lingvo-instruistoj. Inter studentoj de la kurso estis instruistoj de la franca aŭ la hispana, unu - de la itala. Ili lernis de la 9-a ĝis la 12 horoj ĉiutage de la 7-a ĝis la 25-a de julio. Ĉiuj studintoj intencas komenci instruadon de Esperanto en siaj lernejoj.

Eŭropa Klubo organizas en 1976 internacian ferio-renkontiĝon en urbo Chiavari (Italio). Partoprenas lernejanoj (8-12 jaraj), junuloj kaj gepatroj el diversaj landoj. La germanaj, italaj, francaj, nederlandaj, danaj infanoj povos bone interkompreniĝi en Esperanto post unu kaj duonjara lernado de la lingvo. Tiucele 120 lernejanoj de Paderborn (FRG) sekvas Esperanto-lecionojn. Adreso: Eŭropa Klubo, Riemekestr. 62, D-479 Paderborn, FRG. (HdE-14-15/1975)

Pollando. En Garvolino 30 liceanoj studas Esperanton.

Novzelando. La eksperimentaj klasoj pri Esperanto jam baldaŭ finiĝos. Unu el du taksaj ekzamenoj estas plenumita, 46 paĝoj da materialo estas presita fare de Eduka Ministerio. Entute 280 geknaboj lernas Esperanton en ok klasoj de kvin lernejoj.

Kolombio. En Medellin 79 gelernantoj sekvas Esperanto-kursojn, kiuj malfermiĝis ĉe la Universitato Pontifika Bolivarjana. En tri fakultatoj de tiu ĉi universitato la studentoj rajtas elekti Esperanton inter pluraj fremdaj lingvoj. (HdE-16/1975)

Jugoslavio. Esperanto estas instruata kiel libervola stud-objekto en du elementaj lernejoj de Split.

FRG. En lernejoj de Paderborn funkcias naŭ Esperanto-kursoj por infanoj. La Kulturministro de Malsupra Saksujo aprobis la eksperimenton "Esperanto en elementaj lernejoj" okazantan en Dollbergen, Balge kaj Peine. (HdE-17/1975)

Pollando. En la urboj Gdansk, Gdynia, Sopot 720 personoj aŭskultis lastsomere 10 prelegojn pri Esperanto. Esperanto-klubejoj kaj porinfana sanatorio en Gdansk-Oliva akceptis vizitantojn el Finnlando, Belgio, Italio, Bulgario, Hungario, Islando, Novzelando ktp... Estis prelegoj por instruistoj.

Aŭstrio. En Vieno Esperanto estas instruata en kvin lernejoj oficiale.

Nederlando. 45 fakuloj, inter kiuj 6 esperantistoj, partoprenis en Bemelen Konferencon de Eŭropa Instruista Asocio. Aktivuloj prezentis malgrandan ekspozicion pri la lingvo internacia.

Japanio. La universitata Instituto por Fremdlingvaj Kulturoj en Kobe envicigis Esperanton en sian Studprogramon kaj nomis kiel lektoron pri la internacia Lingvo s-ron Masao Miyamoto. (HdE-18/1975)

Hungario. Dum la unua lernojaro Esperanto estas instruata en pluraj lernejoj de Pecs. Krome, malfermiĝis ĉiumonata kurso kaj metodika klubo por instruantoj kaj progresintoj en Pedagogia Domo.

Sovetunio. En urbo Riga (Latv.SSR) kurso kaj Esperanto-fako fondiĝis en Domo de Instruisto. (HdE-1/1976)

Italio. Dum 1974/75 lernojaro la Internacia Lingvo estis instruata en almenaŭ 101 kursoj. La kursojn finis 1200 personoj plejparte lernejanoj(el Casena-380 infanoj).

Grekio. Ministro pri Edukado kaj Kulturo oficiale permesis, ke pluraj lernejoj en Ateno kaj Tesaloniko partoprenu la novan eksperimenton pri instruado de Esperanto. Tiu instruado estas inkluzivita en la normalan horaron de la 3-a klaso en la koncernaj lernejoj. (Esp.-2/1976)

Jugoslavio. Kvin Esperanto-kursoj arigas en Split centon da gejunuloj.

Sovetunio. En Tallinn (Est.SSR) 140 gimnazianoj kaj 100 progresantoj lernas Esperanton.

Italio. Esperanto estas oficiale instruata en la elementa lernejo "Dante Alighieri" en Casena. Ĉiujare ĉirkaŭ 300 geknaboj 8-11 jaraj lernas la internacian lingvon. (HdE-3/1976)

Pollando. En medicina akademio de Krakovo magistrino Lidia Ligeza gvidas lektoraton pri la internacia lingvo.

Sovetunio. Ĉe la universitato en Tartu (Est.SSR) funkcias supera kurso pri Esperanto, kies instrufakoj estas i.a.: Historio de Esperanto-movado, literaturo, interlingvistiko, artefaritaj lingvoj, gramatikaj demandoj kaj Esperanto-organizaĵoj. La kursfinintoj trapasas ekzamenon.

I L E I. En la Esperanto-eksperimento de ILEI en regiono 2 partoprenas 336 gelernantoj el 12 klasoj en elementaj lernejoj de Belgio, Francio, Grekio, FRG kaj Nederlando.

Italio. La itala sekcio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj starigis kvinjaran laborplanon, kiu celas atingi la nombron de 1000 instruistoj de Esperanto.

Francio. En la universitato de provenco Aix/Marseille funkcias oficiala kurso de Esperanto kadre de la Instituto pri Ĝenerala Lingvistiko kaj pri Orientaj kaj Slavaj Studoj.

La kurso, destinita al komencantoj, okazas po 1,5 h ĉiusemajne kaj daŭras unu jaron. Post sukcesa ekzameno la studentoj povas ricevi universitatan diplomon aŭ/kaj elekti Esperanton kadre de la ŝtata diplomo DEUG, de kiu la internacia lingvo konsistigas 5%, Ĉi-jare 30 gestudentoj partoprenas la kurson, kiun gvidas ĉef-asistanto pru rusa lingvo s-ro Michel Duc Goninaz.

La Esperanto-sekcio volonte rilatos kun universitatoj kaj superaj lernejoj, kie Esperanto estas instruata. Adreso: Universite de Provence, section d'Esperanto (ILGEOS), 29 av.Robert Schuman, F-13126 Aix-en-Provence, Francio.

Grekio. En kvin elementaj lernejoj de Ateno kaj Tesaloniko la respondecaj aŭtoritatoj permesis organizon de eksperimentaj kursoj pri Esperanto kadre de la oficiala instru-programo de la 3-a klaso. (HdE-4-5/1976)

Bulgario. Kursoj por Esperanto-instruistoj kaj internacia pedagogia seminario okazos en Burgas de la 5-a ĝis la 24-a de aŭgusto sub aŭspicio de ILEI. Detalajn informojn donas: "Okraĵen Esperantski Komitet" bulv.Hristo Botev 97, 1303 Sofia.

Usono. En Havajo de 1968 baza instruado de Esperanto estas parto de la anglalingva programo en elementaj lernejoj.. Pedagogoj esprimis sin favore pri la eksperimento. Laŭ ili la internacia lingvo ~~entuziasme~~ entuziasmigis lernantojn kaj plifaciligis studadon de la angla kaj de fremdaj lingvoj. Detaloj haveblaj ĉe: ELNA.,P.O.Box 508, Burlingame,CA 94010. (HdE-2/1976)

Sovetunio. La 25-an de februaro en 32-a mezlernejo de Tallinn (Est.SSR) estis organizita Lingvo-Tago pri "la internaciaj lingvoj". El 1780 gelernantoj partoprenis nur pli aĝaj, do pli ol 400 gejunuloj.

Parolis la scienca sekretario de Estona Societo de Gepatra Lingvo filologo Hejno Ahven, la Esperanto-instruisto Johannes Palu, la prezidanto de Tallinna Esperanto-klubo Jaan Ojalo, la estro de pedagogia sekcio de la klubo A.Ilves. Pri interlingvistiko parolis akademiano prof. Paul Ariste. La instruistino de la estona lingvo Helju Viires arangis grandan ekspozicion pri Esperanto. Tagon partoprenis ankaŭ la instruistoj de la lernejo kun la direktoro, pedagogo kaj deputito de la estona parlamento H.Kelder. Adreso: 32 Keskoo 1, Mooni 100, 200029 Tallinn, Estona SSR.

Nordlandoj. De la 16-a ĝis la 18-a de aprilo la finna sekcio de ILEI arangis Kunlaboran Konferencon de Nordlandaj instruistoj ~~mm~~. Ĝi okazis en Tampere (Finnlando).

Nederlando. La respondeca ministro permesis instruadon de Esperanto (entute 70 horojn jare) en la nederlandaj lernejoj, kiuj partoprenas ILEI-eksperimenton.

Krome, en la universitato de Nijmegen de la 12 ĝis 16 de aprilo estis organizita intensiva Esperanto-kurso por komencantoj en lingvolaboratorio.

Argentino. La provinca deputitaro en la provinco de Santa Fe akceptis unuanime la leĝon n-ro 7732 de la 12-a de decembro 1975, laŭ kiu estas decidite organizi la instruadon de Esperanto per eksperimentaj kursoj en elementa nivelo en po unu lernejo de la urboj Rosario kaj Santa Fe. La instruado okazos dum duonhoro semajne kaj prefere dum la lasta jaro. Post unu jaro la provinca registaro decidos pri la arangô de aliaj kursoj en aliaj urboj de la provinco. En la kalendaron de la lernejoj la 14-a de aprilo eniras kiel Tago de Internacia Lingvo. (HdE-6/1976)

Sovetunio. En decembro 1975 okazis porinstruista seminario laŭ temo "Internaciisma kaj patriotisma edukado" en lernejo n-ro 147 de urbo Doneck.(Ukr.SSR). ~~X~~ La seminarion partoprenis 57 geinstruistoj el multaj lernejoj de la urbo. Nome de Donecka Esperanto-klubo partoprenis kaj elpaŝis N.Starodubcev. Gelernantoj de 5-B klaso, kiuj lernas Esperanton sub gvido de sia klasgvidantino instruistino de matematiko V.Usik prezentis bonan artan programon. Rezulte kelkaj novaj geinstruistoj ekdeziris lerni la lingvon internacian.

En Voroneĵ (RSFSR) kreiĝis nova Esperanto-kurso en loka universitato. Partoprenas 60 personoj. La kurson gvidas instruisto de Esperanto Ivan Kulakov (394028 Voroneĵ, ul.Irkutskaja 21-28).

En Moskva filio de Sovetunia Geografia Societo post prelego de prof. D.L.Armand malfermiĝis Esperanto-kurso. La kurson vizitas 30 personoj plejparte studentoj de geografiaj fakultatoj de Moskva Universitato kaj Pedagogia instituto de Lenin-nomo.

En Akademia instituto de Rusa lingvo (Moskva) ekde 1976 funkcias Esperanto-rondeto, gvidata de Danovskij N.F.. La kurson vizitas lingvistoj el Instituto de Lingvoscienco kaj Instituto de Rusa lingvo.

En urbeto Novovolinsk (Ukr.SSR) ĉe loka mezlernejo funkcias Esperanto-kurso, kies gvidanto estas juna pedagogo Eŭgeno Belik. Oni studas la lingvon laŭ novaperinta lernolibro de B.Kolker el Ufa. (Am-17/1976)

Lerneja fako de SEJM, Sovetia ILEI-sekcio;

KULTURA PROGRAMO DE POLA RADIO

Maĵo estas tre grava monato en la literatura vivo de Pollando,-ĝi estas la monato de kulturo, klerigo, libro kaj gazetaro. En ĉiuj landpartoj estas organizitaj libro-foiroj, kien persone venas aŭtoroj kaj tradukistoj por doni siajn aŭtografojn. Verkistoj traveturas centojn da kilometroj por ĉeesti kreajn vesperojn inter siaj legantoj. Tiun tre gravan entreprenon partoprenas bibliotekoj, muzeoj, diversaj rondetoj k.a. Precipe granskala tiu-ĉi aranĝo estas ĉi-jare, ĉar la 30-a jubileo devas respegulu la faritan laboron.

En kadro de la supremenciita aranĝo estas ankaŭ la Internacia librofoiro, jam la 21-an fojon ĝi estas organizata en la vastaj salonoj de Varsovia Kultura kaj Scienca palaco; Librojn prezentas 1800 firmaoj el 30 landoj, por elekto oni ofertas proksimume 150 mil titolojn de plej diversaj faklibroj. Varsovia Internacia librofoiro estiĝis jam la dua plej granda tiaspeca entrepreno en la mondo. La runa jaro en Pollando estas proklamita kiel jaro de Bibliotekoj kaj legejoj.

La Esperanto-Redakcio de Pola Radio plurfoje dediĉis siajn programerojn al tiu-ĉi tre grava okazintaĵo en la pola kultura vivo kaj rakontis pri novaj libroj, revuoj kaj verkistoj. Se vi interesiĝas pri pola kulturo kaj literaturo, aŭskultu Polan Radion, skribu al ili kaj petu programon!

La adreso: Pola Radio, Esperanto-Redakcio,
00-950 Varsovio-1, p.k. 46, Pollando.

S.Neilande (Riga).

POŜTMARKOJN - POR LA SEJM-FONDUSO

Kvankam SEJM kunligas homojn, konvinkitajn pri la ideo de Internacia helplingvo Esperanto, kaj ili tre ofte ĉiujn elspezojn, kutime, kovras per mono el sia poŝo; la monrimedoj ĉiam ludis kaj ludas gravan rolon. Ŝajnas, ke pri tio estas dirite jam sufiĉe multe. Sed, malgraŭ tio, mi volas denove levi tie-ĉi demandon pri tio kaj instigi ĉiujn al pripensado: ĉu ni dume faras ĉion eblan, por ke la SEJM-fonduso, la ĉefa nia financa apogo, iĝu pli fortika? Kaj jen - "kaŝita [illegible]" - poŝtmarkoj. Eble iu diros - la afero jam aŭdita, nu 4 kopekoj, ĉu per ĝi oni multe povos helpi al SEJM? Ni ne rapidu tuj respondi. Ni kalkulu kaj konsideru.

Se ni bele (filatelie valore) afrankos niajn interklubajn kaj personajn korespondaĵojn, sed ne tiel ofte uzus ordinarajn (filatelie ne valorajn) poŝtmarkojn, kiajn monrimedojn, akumuliĝantajn en formo de poŝtmarkoj, ni havus?

1. Ĉiu klubo dum jaro ricevas laŭ sia adreso pli ol 50 leterojn (ekzemple, nia Riga Junulara E-klubo - pli ol 100) do, entute 40 SEJM-kluboj - 2000 leterojn po 4kp. - 80rb.

2. Multaj el ni ne kolektas poŝtmarkojn, almenaŭ sovetiajn. Kie ili restas? Ĉu multaj el ni akurate eltranĉas altvalorajn sovetajn poŝtmarkojn kaj donas al siaj amikoj filatelistoj? Ege malfacile estas pritaksi la probablan kvanton, kiun ricevas sejmanoj, ĉar ni ja diversgrade korespondas - iuj tre aktive (mi, ekzemple, jare ricevas ĉ. 300 leterojn), aliaj, eble, 10 leterojn jare. Tutegale, la ĝenerala leterkvanto devus esti impona. Ĉu tial ne valorus iomete pripensi, antaŭ ol destini leterojn al rubaĵujo?

3. Krom tio ian kvanton da leteroj ricevas niaj servoj, fakoj, komitatanoj. Ni iomete skizu la buĝeton de la Informa Servo. Ĉi-jare estas kompilitaj 7 pakaĵoj. La afranko de ĉiu dissendita pakaĵo varias inter 5 kaj 8 kp. Ni prenu 6 kopekojn. La Informa Servo sendas pakaĵojn laŭ 50 adresoj, do ĉiufoje elspezas 3 rb., sed entute 21 rb.

Fakte ĉiuj kluboj, sendantaj al ni kontribuaĵojn, proksimumekune elspezis la saman monsumon, do ni povas ĝin duobligi - 42 rb. Fakte, parto de tiu ĉi mono estis mono de SEJM, ĉar ĉiujn poŝtelspezojn de la Informa Servo kovras ĝia kaso.

Resumo:

Ni al vokas sejmanojn pli efektive eluzi tiun monon, kiun asignas SEJM, kaj tiun, kiun ni donas propravole por nia komuna afero, korespondante kun samideanoj en Sovetio.

Do, kion fari? Miaopinie, ni jam sufiĉe longe ne priatentis ĉi fakton kaj lasis ĉi rezervon neuzita. Oni devus fondi aŭ apartan servon, kiu prizorgus la kolektadon de uzitaj poŝtmarkoj SEJM-skale, aŭ komisii ĉi laboron dume al la komitatano pri financaj aferoj, ĉar finfine la kolektitaj poŝtmarkoj estas ankaŭ mono. Por instigi sejmanojn al aktiva kolektado eble eĉ indus poentigi la aferon? Kompreneble, la uzitaj poŝtmarkoj iagrade perdas sian komencan valoron, por poste ĝin regajni. Gekamaradoj, pripensu!

T;Bercis (Riga).

"AMUZA GRAMATIKO"

Soveta lingvisto A.B.Rogov verkis lernolibron "Amuza gramatiko de Esperanto" - helpilon por instruistoj, kiuj laboras kun progresintaj esperantistoj. Fragmentojn de ĉi libro ni legas en la almanako "Amikeco"; La libro estas dediĉita por esperantista junularo.

La libro enhavas grandegan materialon pri strukturo de la lingvo ekde aboco ĝis frazeologio kaj Esperantologio. La aŭtoro skribas: "Gi enhavas 500 diversajn ŝaradojn, rebusojn, enigmojn ktp." - do, la libro ne estas ordinara gramatiko de E-o, sed tre serioza kaj interesa aldono al la gramatiko kaj ĝia daŭrigo. "Leona parto estas dediĉita al leksiko, frazeologio kaj poezia lingvo de E", - atestas la aŭtoro.

Oni povas diri, ke ĉi libro estas sciensa konversacio de spertulo kun leganto kaj ankoraŭ esprimo de liaj profundaj meditoj kaj sentoj.

Ni trovos tie gramatikajn regulojn kaj ludojn, taskojn, kantojn, komparojn de E kun aliaj lingvoj, skizojn pri devenoj de E kaj ĝiaj apartaj vortoj. Ĝi estas grandega atingo de la tuta soveta lingvist-

Valora, urĝe necesa estas la verko de A.B.Rogov. Sovetaj E-istoj devas ricevi ĉi libron por ĉiutaga uzado en individua laboro, dum lecionoj, en E-kluboj.

Ni atendas eldonon de "Amuza gramatiko".

A.Vološina(Lvov).

PRI LA ETIKO DE KORESPONDADO

La plej multnombra kontaktmaniero de niaj ges-anoj kun eksterlandaj E-istoj sendube estas la korespondado. La kvanto de la leteroj, same la nombro de korespondantoj konstante kreskas.

Ekzistas tre diversaj eblecoj trovi al si korespondantojn: anoncoj en E-revuoj, adresoj, ricevitaj de gesamikoj, personaj kontaktoj, adresoj pere de korespondaj servoj, pere de landaj Easocioj ktp.

La korespondado havas siajn regulojn. Laŭ esperantista etiko ni devas respondi ĉiun leteron, kaj plej eble tuje. Estas ekstreme malĝentile ne respondi entute. Se korespondpropono ne konvenas por vi, transdonu ĝin al aliaj s-anoj, sed nepre sciigu al la sendinto. Tre grava estas esti korekta en sia korespondado - tio respeguliĝas bone por la tuta lando!

Unu el la ĉefaj taskoj de sovetaj E-istoj estas konatigi sian landon kaj popolon al la aliaj popoloj. Ni devas tion fari tre ĝentile, konscie, prudente kaj bonguste. La korespondado donas por tio brilajn eblecojn.

Nia soveta lando kaj popoloj, nia tekniko kaj scienco, nia kulturo kaj socia nivelo, niaj akiraĵoj en la vivo sincere interesas multajn eksterlandajn esperantistojn, kiuj ne ĉiam kredas la enhavon de artikoloj pri Sovetio en siaj gazetoj. Al tiaj ges-anoj ni devas esti honestaj kaj sinceraj. Same ja nin interesas ilia vivo, laboro kaj sociaj akiraĵoj. En reciproka objektiva, neŭtrala korespondado kreiĝas la amika plenfida interrilato, kiu daŭras ofte dum jardekoj. kaj estas ĉiam profunde interesa, ĉiam nova, ĉiam vivo plena. Tian korespondadon ni povas plenrajte povas konsideri kiel la plej valoŝran, plej superan formon de perletera amikeco.

La temoj de korespondado estas senlime variaj. En tiu diverseco troviĝas sennombraj eblecoj por krei interesan, vivan kaj riĉan interrilaton, donantan multan ĝojon kaj puran kontenton al la korespondantaj flankoj. Ne eblas doni regulojn kaj instrukciojn por tio en ĉi afero, ĉiu estas mem la forĝanto de sia feliĉo. Tamen mi volas substreki, ke ni en nia korespondado devas multe, pli ol ĝis nun, emfazi la socian momenton. Ni ne skribu nur sole pri siaj promenoj, pri vetero kaj pri siaj vestoj ktp., sed ni konatigu la eksterlandajn amikojn kun la tutnaciaj akiraĵoj, kiuj grave karakterizas nian vivon. Por ili tre multaj ĉiutagaj niaj faktoj estas novaĵoj... Ni sekvu kelkajn ekzemplojn.

Pri la senpaga medicina helpo nialanda multaj gesamideanoj el la kapitalismaj landoj certe miras: "Kiel? Vi vizitis kuraciston kaj ne pagis al li??" - estas tute ofta demando en leteroj. Ne forgesu, ke tia mirakło ne eblas en iliaj landoj! Do, klarigu la esencon de la socia ordo nialanda kaj aldonu, ke ne nur kuracistoj, sed ankaŭ malsanulejoj estas ĉe ni senpagaj, la ŝtato eĉ donas subvencion al malsanuloj. La temo povas esti tre interesa por alilandulo!

Niaj studentoj povas substreki la senpagan studadon kaj la stipendion, ricevatan de la ŝtato. En la kapitalisma mondo ankaŭ tion oni komence ne volas kredi... Klarigu al ili honeste, simple, kiel niaj studemuloj povas studi,mem laborante aŭ vespere vizitante universitaton, sen la pago, havante nur la volon studi. Al tiaj faktoj ni donu lokon en niaj leteroj ne por laŭdi nin, ne por la malbongusta propagando, sed por informi niajn eksterlandajn amikojn pri la vero en nia vivo. Ne forgesu, ke en kelkaj landoj la gazetoj tondre kaj malicintence misinformas la publikon pri la vivo en Sovetio. Nia devo estas restarigi la veron al niaj fidelaj E-amikoj. Por tio ni devas uzi nian korespondadon. Nur tiamaniere per vero kaj pura reciproka fido eblos disbati la artefaritajn barojn inter la popoloj. Ĝis ni ne posedas aliajn rimedojn kaj eblecojn, ni per nia korespondado disbatu ilin inter unuopaj homoj.

Pri soveta virino ni informu niajn amik/in/ojn eksterlandajn, ke la virino ĉe ni estas egalrajta kun la viro en ĉiuj rajtoj de la vivo (en sufiĉe multaj landoj, eĉ en Eŭropo/ virinoj ne estas plenrajtaj/ kaj la ŝtato zorgas pri virinoj patrinoj medicine, mone, per ripozo, per multaj privilegioj. Tio estas tre ofte plaĉa novaĵo por niaj eksterlandaj geamikoj, kaj niaflanke - ĝojo pri la vero. Tre bone estus, se viaj gekorespondantoj povu eble en sialandaj gazetoj aŭ en specialaj revuoj aperigi iajn pensojn el viaj leteroj. Tiam ilin petu, ke en tiu okazo ili sendu al vi eltranĉaĵon de tiaj presaĵoj. Ni devas konatigi niajn kulturajn kaj arton, niajn verkistojn kaj komponistojn, same niajn folkloron, literaturon, nian pacmovadon, nian ĉiu agan vivon - kiom da eblecoj klarigi la premisojn faktajn de nia vivo! Ĉiu letero estas kaj devas esti guto da vero pri nia vivo/ iranta al la koroj de niaj amikoj en aliaj landoj. Per tia vojo paŝas la Paco...

Fine, nia korespondado servu ne nur por eksterlandaj E-istoj, sed same al sovetaj diversnaciaj samideanoj. Por praktiki la lingvon ne estas nepre necesa la korespondado kun aliaj kontinentoj. Ankaŭ inter niaj sovetaj respublikoj plene eblaŭ havi tre amikajn korespondrilatojn en Esperanto.

Nia korespondado servu kiel valora rimedo en la kreado de amikeco, fido kaj fideleco interpopola. Per tio ni plifirmigos la pacon.

J.Palu (Tallinn).
Sendis V.Šilas (Vilnius).

## I N F O R M O J * A N O N C O J * P E T O J * S C I I G O J

NOVAJ SUBTENANTOJ DE SEJM (Aldonu en la "Sekretarian Libron")

61. OJALQ JAAN - 200001 Tallinn-1, Narva mnt., 23-5, Estonio;
62. BARIŠNIKOVA E.V. - 433510 Uljanovska reg., Dimitrovgrad-4, ul. Stroitelej, 24-3;
63. BATNJA P.P. - 228400 Daugavpils, ul. Ziemelju, 7a -8, Lat; SSR;
64. SUBOČEV A. - 257000 Čerkasy, počtamt, do vostrebovanija, Ukraina SSR;

P.Jegorovas, Sekretario de SEJM.

* * *    * * *    * * *

ALIĜU AL "OKEANIA INTERŜANĜO-KLUBO"!

Por propagandi-informi pri E en grava anglalangva organizaĵo, fondita jam en 1924 kaj havanta membrojn ĉie en la mondo, estas fondita E-sekcio ĉe tiu "Oceania Exchange Club". Gesamideanoj, kiuj konas la anglan lingvon kaj deziras kontakti la mondon per leteroj aŭ interŝanĝi diversajn objektojn (poŝtmarkojn, poŝtkartojn, alumetetikedojn, literaturon ktp.) kaj, kompreneble, ankaŭ iom informi pri E, estas petataj aliĝi al tiu organizaĵo.

Jarkotizo: 4,5 dolaroj aŭ egalvalore (ekz. en sovetaj nestampitaj poŝtmarkoj - 4 rb.).

Trifoje jare aperas presita bulteno kun multaj adresoj kaj hobioj, kiun oni ricevas por la jarkotizo.

Aliĝilon oni ricevu de UEA-delegito, membro de "Okeania Interŝanĝo-klubo" Nr. 17302: A.Mikk, SU-202900 Estonio, Viljandi, str. Jakobsoni, 3-2.

A.Mikk (Viljandi).

* * *    * * *    * * *

KRASNOJARSK

La biblioteko de Krasnojarska urba E-klubo bezonas diversan E-literaturon kaj E-aĵojn. Ni akceptas ĉiujn proponojn. Bv. informi nin pri ĉiu aĉetebla aŭ mendebla E-literaturo. Kun granda danko ni akceptas donacojn. Helpu al juna E-klubo!

Nia adreso: 660075 Krasnojarsk, p.k. 2420, Bugajeva Tamara Nikolajevna.

* * *    * * *    * * *

Mi petas helpon de ĉiuurbanoj: bv. sendi al mi lernolibrojn pri historio kaj geografi por la 7-a klaso, presitajn en diversnaciaj lingvoj, dezirinde novajn. Ili estas bezonataj por mia kolekto. Mi garantias kompencon: 656099 Barnaul-99, ab/ja 60, Jaskov Gennadij Jakovleviĉ.

* * *    * * *    * * *

Bv;. noti novajn telefonojn de Boris Kolker (Ufa):
hejma: 4-15-58;
oficaj: 6-73-01; 6-74-48.

Estas ebleco pri eventuala abono al nova porscienca revuo "Scienca mondo", eldonata en Bulgario. Bv. anonci vin ĉe N.Starodubcev - 340092 Doneck-92, abon.k.618 - pri la dezirata abonkvanto kaj aliaj kondiĉoj. Sube sekvas kopio de letero, ricevita el Bulgario.

СЪЮЗ НА НАУЧНИТЕ РАБОТНИЦИ В БЪЛГАРИЯ
СОФИЯ, бул. Толбухин № I8

Профессору Нефедову О.М.
Главный редактор журнала "Мир науки"
Москва М-447,
Большая Черемушинская ул., д.59

Уважаемый товарищ главный редактор!

В ответ на Ваше письмо сообщаем Вам, что Болгарское внешнеторговое предприятие "Х е м у с" вошло в связь с "М е ж к н и г о й" - СССР для дополнительного включения журнала "Мир науки" на языке эсперанто в каталог журналов, которые можно подписать во всех почтовых отделениях СССР.

Подписка на один год / 4 номера/ этого журнала определена на I рубль.

Мы предполагаем, что почтовые отделения уже прекратили подписку журнала на 1976 год, но если все-таки Вы /имеем в виду Ваших читателей/ желаете получить получить определенное количество номеров журнала "Мир науки" на языке эсперанто, то мы согласны осуществить это на базе обмена, подробности которого мы сможем уточнить корреспондентским путем.

Мы наведем справку, есть ли возможность провести подписку и за 1976 год, хотя и с опозданием, имея в виду то обстоятельство, что номер I еще под печатью, а распределение еще не сделано.

С уважением СЕКРЕТАРЬ Д.Близнаков.

Копия: тов. Стародубцеву.

* * *     * * *     * * *

GORKIJ

Por 13 rb. ne malpli vi povas ricevi 20-26 E-insignojn en formo de diversaj broĉoj de 0,7 ĝis 2,5 cm². La mendojn kaj monon sendu laŭ la adreso: 232051 Vilnius, ul. marŝala N.Krylova, 2-36, Endriulajtis Rimantas.

Klubo de Internacia Amikeco "Meridiano" petas helpon pri E-literaturo, metodikajn konsilojn pri E-agado, komunikon de sperto k.a. La adreso: 681014 Komsomolsk-na-Amure, Dzemgi, ul. Sovetskaja, 13, srednjaja ŝkola-internat №1, KID "Meridian".

L.Kapustin (Gorkij).

- § - § - § - § - § - § - § - § - § - § - § - § - § - § -

KARA LEGANTO!

TIU ĈI NUMERO DE "AKTUALE" ESTAS LA LASTA, KIUN MI KOMPILIS KAJ REDAKTIS. LA LABORO SUPER "AKTUALE" DONIS AL MI MULTAN ĜOJON SED ANKAŬ OKAZIGIS AL MI MULTAJN KLOPODOJN KAJ SENDORMAJN NOKTOJN. TAMEN MI NE BEDAŬRAS, ĈAR VIDIS LA UTILON DE NIA KOMUNA LABORO. MALGRAŬ, KE MI NE PLU REDAKTOS NIAN BULTENON, MI ESPERAS, KE NI ANKORAŬ OFTE RENKONTIĜOS SUR ĜIAJ PAĜOJ EN ARDAJ DISPUTOJ KAJ OPINIOINTERŜANĜOJ. NI PLENFORTE HELPU AL DISFLORIGO DE NIA KARA BULTENO KAJ PROGRESO DE NIA MOVADO.

V.Ebel, eksredaktoro de "Aktuale".

La provizora adreso de la Redakcio estas:
121019 Moskva G-19, do vostrebovanija Aroloviĉu Viktoru Semjonoviĉu.